# La Skolta Mondo

**ISSN 0037-6558**
Oficiala Organo de Skolta Esperanto-Ligo n-ro 1-4/2002
The magazine of the Scout Esperanto League
Gazette de la Ligue Scout Esperanto
Gazeta de la Liga de Scouts Esperantistas
-
**Membrokotizo/Abonkotizo**
20% de la UEA-kotizo MJ(T)

*La Skolta Mondo* havas novan redaktoron
Sugestoj kaj kontaktoj:
etaprinco@yahoo.com.br



Vi mem povas printi la numeron de *La Skolta Mondo* por viaj amikoj, lernejanoj kaj skoltaj gefratoj !



**Printebla versio** en:

ttt.esperanto.org/skolta/sm.html

# Enhavo



## JOTI 2002

**Fine de Oktobro ni vigle partoprenis en Interret-Ĵamboreo (vidu sur la paĝo 8-a la Ateston).**
**Tamen nia plej granda venko estis sukcesi de la kunordiganto la promeson, ke por JOTI 2003 la centra reta informa TTTejo http://www.joti.org ne plu restos 9-lingva. Esperanto estos la 10-a lingvo.**
**Ni estu pretaj fari la tradukadon de la paĝaro, tuj kiam la monda kunordiganto signalu al ni per Kudu-korno !**

# Skolta Esperanto-Ligo
**fondita en 1918**



Centra TTTejo: http://ttt.esperanto.org/skolta
Diskut-listo: skolta-esperanto-ligo@yahoogroups.com

**Estraro**

**prezidanto**: Franco Abriani, Via Falconetto 24, I 37131 Verona VR, Italio **ĝenerala sekretario**: Hector Campos Grez, Casilla Postal 231 Curico, 7ª region, Ĉilio <strigo@ctcreuna.cl> **kasisto**: David H. Withey, 1 Brookfield Ave, Waterloo, Liverpool, Britio L22 3YE

**Reto de Reprezentantoj**

**Aŭstralio**: Kep Enderby, 2 Phoebe st., Balmain Sydney 2041 <kependerby@bigpond.com> **Aŭstrio**: S-ro Martin Báhr, Rasumofskygasse 2 /26, A-1030 Wien <mbaehr@stuts.org> **Belgio**: S-r o Arie Bouman. Driesdreef 8. B-9030 Gent, tel./fakso +32-9-227 48 41 **Brazilo**: Eluizio B. Rodrigues, R. P. Horacio M. Camargo, 120 / 14 , 18048-105 - Sorocaba (SP) <eluiziobueno@bol.com.br> **Britio**: S-ro David H. Withey, 21 Brookfleld Avenue, Waterloo Liverpool, L22 3YE, tel. (0)151 928 2936 **Bulgario**: D-ro Inĝ . Ĥristo Mandev, bul. Mogilev 2 II 19, Gabrovo 5306, tel. +359-66-23647 **Ĉeĥio**: S-ro Pavel Sittauer, Hartmannova 1128. CS-67401 Trebič, tel (0)618-21909 **Ĉilio**: S-ro Hector Campos Grez, Casilla de Correos 231, Curico, tel (oficeja) +56-75-315377 (hejma) -310382, <strigo@ctcreuna.cl> **Danio**: S-ro Bjarke Nielsen , Erdalsvej 30. DK-2600 Glostrup, tel. 43 968973 **Finnlando**: S-ino Carola Antskog, Mattkárr, FIN 25700 Kimito, tel. ±358-2-4213133 fakso (hejma): +358-2-423246. **Francio**: NR: S- ro Samuel Gaillard, 50, Avenue du Livradois, F-63800 Cournon-d'Auvergne. tel. +33-73-84.31.31 fakso: -34.77.20 <goelano@mconn.com.fr> **Hispanio**: Luis Cilperez Frade, Apdo Postal 7131, E 41080 Sevilla, tel (labora) 954570849 **Hungario**: S-ro Aleksandro Pesti, Tó-u 20, H-6723 Szeged **Italio**: S-ro Franco Abriani, Via Falconetto 24, I-37131 Verona VR, tel.: +3945.525173 **Japanio**: F-ino Fumiko Kamaĉi, 3-4-4 Kasumigaoka, Sakai, Osaka, <BXL00154@nifty.ne.jp> **Kazaĥio**: S-ro Kabjan Edelbay, 637000 Pavlodar. Glavpost, DO BOCT, Kazakhstan **Koreio**: LEE Seung Yun (HL10DL/Junĉjo), Hwigyong-1 Dong, Seul Garden Apt. 909, Dongdaemun (130-092), Seoul, <amiko@chollian.dacom.co.kr> **Kostariko**: S-ro Marvin Segura, Aptdo 1913 San Jose, tel. (01) 585561 **Luksemburgo**: S-ro Guido Ricci, 98 rue des Trevires, L-2628 Luxembourg, tel. +352495052 **Nederlando**: S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, NL 1505 AA Zaandam tel. (0)75-6166931 <ko.hammer@planet.nl> **Norvegio**: P: Norvega Esperantista Ligo, Olaf Schous vei 18 N-0572 OSLO telefono/fakso: 22350894 <esp.oslo@s.no> **Nov-Zelando**: S-ino Gwenda Sutton, 12c Herhert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 6001, tel. +64-4-4730847, fakso -4730848 <Sir_Lancelot@compuserve.com> <100235.3407@compuserve.com> **Pollando**: S-ro Jaroslaw A.Fotyga, ul. Harnesie 21/34, PL-2O-857 Lublin. tel. +48-81-711065 <upfotyga@klio.umcs.lublin.pl> **Slovakio**: Inĝ. Miroslav Havranek, P.O.Box 161, SK-83100 Bratislava, tel. +42-7-5332120 **Srilanko**: S-ro Roland Peries, 4 Sri Vijaya Road, Colombo 6 **Svedio**: kiel Finnlando **Usono**: S-ro Allan E. Fineberg, 28-24 Sherman Place, Fair Lawn, New Jersey 07410-4208, tel. 201/797-4884 <wib15@bergen.org> #

# 85-a Universala Kongreso de E-o

Ĉar ne estis oficiala Skolta Kunveno dum la U.K. en Fortalezo 2002, ni aranĝis neformalan kunvenon dum tagmanĝo.
4 homoj partoprenis, tamen poste 12 geskontoj renkontiĝis !
Tagon post la kunveno mi venis kun mia SEL-ĉemizo, kaj subite ĉie ajn kie mi pasis, aperis etenditaj MALDEKSTRAJ manoj (!).
Tre serioza episkopo (kun tre eleganta froko) tuj ridetis (mi pensis ke li primokis aŭ ne komprenis mian ĉemizon) kaj tuj salutis min per la maldekstra mano. Sinjorino ek-rimakis lian geston, alpriksimiĝis kaj same etendis sian maldekstran manon.
Pro la lanĉo de la ret-versio* de la tradukaĵo de mia filo, la ĉef-redaktorino (Barbara Pietrzak) de Pola Radio intervjuis min. Ŝi demandis kiel mi esperantiĝis, kaj mi klarigis ke estante skolto mi lernis pere de la libro "Jamborea Lingvo", do ... ŝi interompis kaj diris: "Ankaŭ mi, kaj same William Auld "(!)
Pro mia prelego en la kongresa universitato, mi devis serĉi la ĝeneralan kunordiganton de la kongresejo. Post nelonga interkonsento, li iom atente rigardis mian ĉemizon kaj ekkriis - Ha ! Kaj etendis sian maldekstran manon...
Post la fermo de la kongreso, ĉe la erinejo (forirejo) ni faris la fratecan ĉenaron. Ĝi estis tiel granda kaj ni tiel bruis, ke eĉ filmistoj de TV venis filmi nin.
Rezultoj:
Ni ne povis fari oficialajn decidojn, sed sugestojn kaj proponojn:
1)Reprezentantoj: UEA eks-prezidanto Kep Enderby vigle partoprenis, kaj pretas respondeci pri la varbado por SEL en Aŭstralio. Ni sukcesis novan reprezentanton por Brazilo : Eluizio B. Rodrigues, st. P. Horacio M. Camargo, 120/14 18048-105 - Sorocaba (SP) - Brazilo
2) Nova redaktoro de La Skolta Mondo, la revuo fariĝos virtuala (t.e.: oni preparos .PDForman bultenon, tiel ke ĉiuj kiuj interesiĝas povu ĝin legi rete, aŭ ĝin printi. (Ĝi aperos absolute same en kiu ajn parto de la mondo). Tiamaniere oni ne plu zorgos pri distribu-listoj nek pri grafikejo nek pri kostoj. Se skolto ne havas aliron al la reto, almenaŭ 4 foje en la jaro, tiu povos viziti najbaron (patran laborejon, onklon, publikan bibliotekon, landan ĉefurbon) kaj tie legi aŭ printigi ekzempleron. Se nia sekretario faros prelegon, li povos simple disdoni kartojn kun la ret-adreso de nia oficiala organo (kaj eventuale printigi kelkajn revuojn por montri, lotumi, ktp.)
3) Estas rekomendo koncentrigi ĉiujn SEL-paĝojn en la adreso http://ttt.esperanto.org/skolta , kaj ke la TTT-estro estu la sama kiu pretigas la bultenon, tiel liberigante la Ĝeneralan Sekretarion, por ke li povu pli efike zorgi nur pri sekretariaj aferoj. (Aktivigi la reprezentantojn, prepari agadon en Jamboreoj, k.c.
4) Ni konstatis ke la nuna estraro (pro multjara laborado sen anstataŭantoj) estas kaj laca kaj senentuziasma. Pro tio ni sugestas, ke ni ĉiuj devas strebi trovi anstataŭantojn.
5) SEL havas monon en disaj kontoj en diversaj lokoj, kiam iam aktivis kasistoj.
Necesas elekti kasiston, kiu povos aranĝi, tiel ke la financa stato de SEL estu bone kontrolata kun la tuta monsumo en nur unu loko, je la dispono de la estraro, uzenda por difinitaj celoj.
Je la nomo de la kunvenintoj, raportas

Ĉiam prete via,

Roberto 

(*) http://www.utopia.com.br/esperanto/ziraldo

# Kalendaro

## Internaciaj Skoltaj Aranĝoj en 2003

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstralio** | Januaro | Venture 2003 |
| **Aŭstrio** | 5-14 Aŭgusto | VivĴamboreo 2003 |
| **Aŭstrio** | 1-12 Aŭgusto | Pannonia 2003 |
| **Belgio** | 30 Julio – 9 Aŭgusto | Flamboree |
| **Egiptio** | 25-29 Oktobro | 4-a Ĝenerala Asembleo de l' Monda Parlamenta Unuiĝo pri Skoltismo |
| **Groenlando** | 5-10 Aŭgusto | Nordjamb 2003 |
| **Japanio** | 31 Julio – 4 Aŭgusto | 9-a Japana Agoonoree (nacia tendaro por specialaj Skoltoj - malavantaĝuloj) |
| **Mongolio** | 1-7 Aŭgusto | 2-a Mongolia Rover-Kunveno |
| **Nederlando** | 28 Julio – 6 Aŭgusto | Haarlem-Ĵamboreto |
| **Nederlando** | 26 Julio – 10 Aŭgusto | NICES 2003, Nederweertsa Internacia Eŭropa Skolta Tendaro |
| **Portugalio** | 31 Julio – 11 Aŭgusto | RoverWay 2003 |
| **Svedio** | 9 Julio – 3 Aŭgusto | Festival |
| **Svedio** | 26 Julio – 3 Aŭgusto | Kragenäs 2003 |
| **Svedio** | 28 Julio – 3 Aŭgusto | Tempus |
| **Svedio** | 23 Julio – 2 Aŭgusto | Dalacamp VI |
| **Svedio** | 2-9 Aŭgusto | District Camp 2003 |
| **Makedonio** | Julio – Aŭgusto | 9-a Smotra Na Izvidnici, Nacia Ĵamboreo |
| **Turkio** | 28 Junio – 6 Julio | Turka Tendaro de Aer-Skoltoj |
| **Turkio** | 8-15 Julio | Turkio Paŝo post paŝo |
| **Anglio** | 2-9 Aŭgusto | Auchengilla Ĵamboreo 2003 |
| **Anglio** | 26 Julio – 2 Aŭgusto | Norjam 2003 |
| **Anglio** | 26 Julio – 3 Aŭgusto | Bonjam 2003, Internacia Ĵamboreto |
| **Anglio** | 31 Julio – 7 Aŭgusto | Kent -Internacia Ĵamboreo |
| **Anglio** | 2-9 Aŭgusto | Wings 2003 |
| **Anglio** | 26 Julio – Aŭgusto | Delaval (K)nights |
| **Tutmonde** | 18-19 Oktobro | 46-a Tutmonda Skolta JOTA www.scout.org/jota |
| **Tutmonde** | 18-19 Oktobro | Ret-Ĵamboreo (JOTI) http://www.joti.org/ |
| **Tutmonde** | 21 Septembro | Internacia Tago de la Paco |

## 2007 : 21-a Monda Ĵamboreo
## Brun-mara Insulo
## 100-jariĝo de Skoltismo

Ni devas de nun turni nian atenton, kaj dediĉi ĉiujn niajn fortojn por sendi grandan nombron de membroj de SEL al tiu Ĵamboreo.

Almenaŭ budon ni devas havi tie, por montri/disdoni ekzemplerojn de *La Skolta Mondo* kaj KDjn kun la verko *Pli Vastaj Horizontoj* en 8 lingvoj.

Eble, la sorto de nia estonteco kuŝas en tiu grandega skolta tendaro, precize sur la sama loko kie antaŭ 100 jaroj lordo Baden-Powell faris la unuan skoltan tendumadon kun grupo da knaboj.
Se ni faros bonan laboron tie, la membroj de SEL multiĝos en ĉiuj partoj de la mondo. La skoltaj organizaĵoj volos kunlabori kun ni , tamen se ni ne iros aŭ tie ne faros bonan prezentadon pri niaj celoj...



La unua monda skolta tendaro
Brun-mara Insulo - 1907
(rimarku la blankajn konus-formajn tendojn)






## 20-a Tutmonda Skolta Ĵamboreo Dec./2002 - Jan./2003

Adreso: Oficejo de la 20-a Monda Skolta Ĵamboreo, 2003
National Stadium, Rama 1 Road, Bangkok 10330, Tajlando.
Tel: +66 2 219 2731-8 Fakso: +66 2 219 2108
rete: office@worldscoutjamboree20.org
http://www.worldscoutjamboree20.org/

Tajlando signifas "Lando de la rido = Rid-lando"
Ĝi esta la lando kun plej multaj oraj budhanaj temploj en la mondo, kaj kun plej granda relativa nombro de geskoltoj (en ĉiu familio estas almenaŭ unu skolt(in)o )

Tiel oni skribas la nomon de ilia lingvo , sed kiel oni prononcas ĝin ?!? [ Serĉu la respondon sube ]

**Etiketo en Tajlando:**
Ne nur tie, sed ankaŭ en najbaraj landoj estas tre malelegante montri la suban parton de la ŝuoj. Do, ne krucu viajn krurojn!
Se vi parolas al iu, ne tenu la manojn en la poŝoj. Kaj neniam tenu la manon ĉe la dorso de seĝo, sur kiu iu sidas. Tio esta tre ofenda!
En Tajlando, publike oni nek karesas nek kverelas kun kiu ajn.
Kompreneble tie oni salutas per la maldekstra mano, tamen eĉ niaj skoltaj gefratoj tre ĝuos se vi salutos ilin kurbiĝante, kaj tenante la manojn ĉe la brusto laŭ preĝa maniero.
Por eniri en loĝejo aŭ templo, nepre demetu viajn ŝuojn (laŭ la Tajlanda kulturo ili estas tre malpuraj)
Ne tuŝu la kapon de homoj, kaj ne fingromontru iliajn piedojn

La Tajlanda flago: 




Respondo:

**- BONEGAN TENDUMADON !!!!**

La Atesto ricevita de SEL pro la partopreno en JOTI 2002




**Thank you - Merci**

**SKOLTA ESPERANTO-LIGO**

**for participating in JOTI 2002.**
**pour participer à JOTI 2002.**



Tony Clarke

World JOTI Advisor - World Scout Bureau
Specialist Advisor - The Scout Association

20th October 2002



#